*Represita (post revizio) el "Service Magazine".*

# "APA"

## (ALL PEOPLES' ASSOCIATION)

Verkita de E. D. W. CHAPLIN

(*Honora Sekretario de APA, kaj ĉef-direktoro de « The Spectator »*)

Frue en 1930 oni formis novan societon por la kulturo de internacia kunlaboro. Oni nomas ĝin APA, kiu estas mallongigo de la titolo All Peoples' Association (Asocio ĉiupopola). Ĝi jam faris rapidan progreson, kaj ricevas kuraĝigan subtenon de membroj en ĉiu parto de la mondo. La ideon fondi APA ni ŝuldas al S-ro Evelyn Wrench, kiu estas la redaktoro de la centjara gazeto *The Spectator*, kaj kiu jam fondis la du prosperajn societojn *The Overseas League* (La Ligo Transmara) kaj *The English-speaking Union* (Unio de Angle-parolantoj).

La sola celo de APA estas interkonigi la popolojn de la mondo, kaj fortigi amikecon inter ili, APA faras nenian distingon de raso, rango, kredo, koloro, aŭ politika partio, kaj ĉiu naciano havas egalan rajton membriĝi. Ĝi deziras kunlabori kun ĉiu organizaĵo, celanta mondamikecon kaj internacian kunlaboron. Membreco de APA ne konfliktas kun la devoj de civitano aŭ kun lojaleco al la propra lando, ĉar la asocio rekonas, ke por esti utila membro de mondorganizaĵo oni devas antaŭe estis bona civitano en la lando de sia naskiĝo. APA ne celas propagandi la kulturon de iu ajn sekcio de la homa raso. Ĝi ne estas organizaĵo el iu aparta grupo de nacioj volanta trudi sian volon sur la ceteron de la mondo, kaj ĝi ne favoras la uzon de iu ajn aparta lingvo. Ĝi forte konsilas, tamen, ke ĝiaj membroj sciu unu aŭ du lingvojn krom la propra.

APA klopodas interkonigi la popolojn de la mondo per kontakto persona, per la preso, per radio, per korespondo, kaj la interŝanĝo de universitataj profesoroj, studentoj kaj ĵurnalistoj; kaj sentigi al la alilandano, ke li estas en hejma atmosfero, kie ajn li troviĝas. Anticipante la adekvatan financan subtenon, kiun ĝi rajte atendas ricevi, la agada komitato de APA formulis ampleksan programon. Ĝi intencas, tuj kiam ĝia monrimedo tion ebligos, eldoni plurlingvan ilustritan gazeton regule aperantan, en kiu oni diskutos internaciajn aferojn laŭ maniero tiel klara kaj simpla, ke ili interesos eĉ la « homon sur la strato ».

APA esperas post kelka tempo fondi filiojn en ĉiu lando de la mondo, ĉiu sub la direkto de loka nacia komitato kun karaktero plene senpartia kaj sensekta. Tiaj societoj, filioj, aŭ grupoj, jam ekzistas aŭ formiĝas en Paris, Berlin, Firenze, Beograd, Hago, Praha, Oslo, Stockholm, Helsinki, Budapest, Wien, Edinburgh, Oxford, Hamburg, Zagreb, Tallinn.

Kompreneble, en ĉiu lando la nacia societo estos plene sendependa, sed ĝenerale laboros paralele kun la brita aŭ aliaj organizaĵoj. Jam ekzistas en angla, franca kaj germana lingvoj priskribo de la celoj kaj metodoj de la brita sekcio, kun skizo de ĝia konstitucio; kaj tio povas servi kiel modelo por gvido al novaj filioj. Nuntempe la internacian laboron de la asocio direktas la brita sekcio de APA ĉe sia Londona centro, 99 Gower Street, W.C.1. Tuj kiam sufiĉe granda nombro da fratiaj societoj formiĝos alilande, APA estos regata de internacia senato el reprezentantoj de la landoj koncernataj. La gazeton de APA direktos internacia redaktistaro, kaj eventuale oni difinos kontribuantan redaktoron en ĉiu lando. Oni esperas fondi en Londono en la baldaŭa estonteco konstantan lokalon en formo de internacia klubo kaj internacia informejo, kie membro alilanda povos senti sin hejme kaj ricevi praktikan servadon. Tiun ekzemplon poste sekvos fratinaj societoj en la ĉefaj urboj de la mondo. Tiumaniere APA-ano, vizitante alian landon kie ajn, trovos tie sian propran internacian klubejon.

Jam de sia naskiĝo la societo laboris energie kaj utile, kaj faris multajn praktikajn servojn al sia membraro. Oni jam enskribis membrojn el 30 diversaj landoj ekster la Brita Insularo, kaj la administra konsilantaro de la brita sekcio konsistas el aro da homoj kun vasta sperto pri internaciaj aferoj. Inter la praktikaj paŝoj faritaj de la societo troviĝas la fondo de hinduja studgrupo, kiu ebligis al membroj de la Unio de Hindaj Studentoj renkonti membrojn de APA en amika kunveno por kune diskuti komunajn problemojn; gastigo farita de multaj britaj membroj al membroj alilandaj, kiuj trovis en brita hejmo bonvenon dum sia restado en Britujo; helpo al britaj membroj per necesaj prezentleteroj trovi konvenan loĝejon vojaĝante alilande; kaj la eldono plurlingva de *News Bulletin*, la antaŭulo de la pligranda gazeto, kiun poste la societo regule eldonos.

En multe da landoj APA nomis honorajn korespondajn sekretariojn, kaj dum la pasintaj monatoj okazigis serion da tre sukcesaj kunvenoj en Londono por membroj. Inter ili estis kelke da kunvenoj « naciaj », kiujn partoprenis reprezentantoj de la lando koncernata.

Internacia kluba komitato nun pristudas la preparajn detalojn de la laboro farota kiam la societo akiros klubejon en Londono, kaj multmaniere — krom sia deziro antaŭenigi la amikecon de la mondo — membroj komencas senti la profiton de aparteno al APA. La moto de la societo estas *Monda Servado*, kaj oni intence fiksis por membra kotizo la malaltan sumon de 10ŝ. jare. Anoj el ĉiu nacio egale rajtas membriĝi.

Por ke la planoj de la gvidantoj de APA povu maturiĝi kiel eble plej baldaŭ, oni nuntempe speciale klopodas interesi amikojn en ĉiu parto de la mondo, kiuj kredas pri la idealo de internacia amikeco, kaj enskribi ilin kiel membrojn. Ĝis la tempo kiam APA akiros internacian klubejon en Londono, oni provizas ĉe la adreso 99 Gower Street, London, W.C.1, ĉambron, kiu estas je la dispono de vizitantaj membroj, en kiu ili povas legi, skribi, aŭ ripozi. Aliĝoj al la societo estos bonvenaj, kaj oni sendos ekzempleron de la kuranta *News Bulletin* eldonata de la societo laŭ peto.

Honoraj korespondantoj de APA, kiuj volonte respondos informpetojn pri la organizo de APA en siaj urbo aŭ lando, estas jenaj:—

OSLO. — S-ro Par Vogt, Sirilund, Vettakollen, Pr. Oslo, Norvegujo.

BUDAPEST. — Madame de Guilleaume, IXm, Gonczy, Pai Utca 4, Budapest, Hungarujo.

BERLIN. — Mrs. Fyleman, Barbarossastr 26, Berlin, W.30, Germanujo.

EDINBURGH. — J. de Gruchy Gaudin, Esq., Edinburgh International Club, 3 West Castle Road, Edinburgh.

HAMBURG. — Dr. Albrecht Dieckhoff, Rathaus Strasse 27 Hamburg, Germanujo.

KAUNAS. — Adélé Galaunienė, Rotusės Okste 11-5, Kaunas, Litovujo.

HELSINSKI. — Fru Helmi Krohn, Helsinki, Turuntie 38, Finlando.

BEOGRAD. — Sinjoro Z. V. Simiĉ, 11 Petra Mrkonjica, Beograd, Jugoslavujo.

KÖBENHAVN. — Mrs. Bodil Begtrup, Wildersgade 60, Copenhagen, Danujo.

PARIS. — Mademoiselle L. Weiss, L'Europe Nouvelle, 73 bis Quai d'Orsay, Paris. Sekretariino, Mademoiselle Gautier.

PRAHA. — Professor J. B. Kozák, Praha VII, Zatisti 4, Cehoslovakujo.

TALLINN. — Sinjoro Jürganson, Teede Ministeerium, Tallinn, Estonujo.

WIEN. — Countess von Hartenau, 1 Parkring 18, Wien, Austrujo.

ZAGREB. — Madame Paula de Ulmansky, Zagreb, Demetrova Ulica 13, Jugoslavujo.

---

La jarkotizo por membroj estas 10 ŝilingoj = 12.50 svisaj frankoj, = 2.50 usonaj dolaroj.

Aniĝproponoj estas sendeblaj al la Provizora Internacia Centro de APA,

99 Gower Street, London, W.C.1, Anglujo.

J. E. WRENCH, *Prezidanto.*

E. D. W. CHAPLIN, *Hon. Sekretario.*

KATHLEEN HUMPHREY, *Sekretariino.*